1ª jaro - Nº 7 (Publication mensuelle) Decembro 1933

# LA PIRATO

Kajeroj por Satiro, Humoro kaj Libereco... relativa

Ŝipestro: Raymond SCHWARTZ
Redakcio: 5, Avenue Galliéni
Courbevoie (Seine)

Hejma Haveno & Administracio:
J. SOLSONA
9, Rue Hallé, PARIS-14e

FRANCLANDO



KAPERAS ĈIUMONATE

ABONTARIFON VIDU SUR LA PROKSIMA PAĜO

# TARIFO DE L'ABONOJ

Unujara abono (12 numeroj) al LA PIRATO kostas

| | |
|---|---|
| en Francujo kaj Saar-Teritorio. . . . . | 10 fr. fr. |
| en Landoj aliĝintaj al la Konvencio de Stockholm. . . . . . . . . . . . . | 12 fr. fr. |
| en aliaj landoj *) . . . . . . . . . . . . . | 15 fr. fr. |

Oni povas pagi en francaj frankoj
aŭ egalvaloro en aliaj monunuoj
laŭ kurzo de l'tago.

Francoj povas pagi per poŝta ĉekkonto:

J. SOLSONA, Paris 545.82

---

Ĉiuj pagoj estu farataj al

S-ro J. SOLSONA, 9, rue Hallé

PARIS - XIVe

---

*) Inter la ĉefaj landoj ne aliĝintaj al la Konvencio de Stockholm estas: Danujo, Granda Britujo, Italujo, Japanujo, Norvegujo, Svedujo, Svisujo, Usono.

Laŭ konata muziko...

# LA MALESPERO

En la mondon venis nova krizo,
Tra la mondo iras la bojkoto,
Per flugiloj de la civilizo
Nun ni ĉiuj flugas al bankroto.

Jen Usono (ne plu soifanta),
Ĝi la monan ŝiras organismon,
Al la mond' eterne kreditanta
Ĝi promesas bankan kataklismon.

Sub la sanga signo de l' mizero
Kolektiĝas lacaj sav-talentoj
Kaj rapide kreskas la ofero
Per la boro de l' eksperimentoj.

Forte staras muroj de l' doganoj
Inter la popoloj dividitaj,
Sed ni ĉiuj saltas sur vulkanoj
Per la danca flamo ekscititaj.

Kun ŝakala digno, kun lamento
Kunprenante ĉiu sian bombon,
La popoloj faros sen konsento
Unu grandan mondo-hekatombon.

Niaj eminentaj registaroj
En parolo vana ne laciĝos,
Ĝis kruela sonĝo de l' barbaroj
Por eterna pen' efektiviĝos.

Tra-la-la-la, tra-la...

ROSA MEIER.



# De Pirata Vidpunkto

## El Okcidento Luks' !

La neologisma demando neniam ekscitis min. — Se iu ĉielproksima poeto, ŝvebante du mil futojn super la realaĵo de l'terpomkampoj, nepre deziras susuri al anĝeloj, muzoj & k[io] la nedifineblajn sentojn de sia labirinta animo, nu bone, li elektu — se necese, eĉ kreu — por tiu ĉi celo taŭgan esprimilon. Kial tio ĝenus min? Nur tiam mi protestus, se iu aŭtoritato pretendus devigi min partopreni tian stelregionan konversacion.

Aliflanke mi bone scias, ke multaj vortoj, utilaj kaj necesaj, ankoraŭ mankas al ni; ke en ĉiuj lingvoj la poezia radikaro estas pli riĉa, pli altnivela ol la populara. Kial Esperanto ne trairus similajn evolufazojn, kiel naciaj lingvoj kaj kial ni ne lasus al kompetentaj literaturistoj la malagrablan taskon elekti mem siajn laborilojn? — Mi ripetas, ke neniu devigas vin traŝviti la tutan Inferon de Kalocsay. Do kial vi plendas? Kaj, sincere, kiom da Esperantistoj kutimas legi Esperantajn verkojn? La granda armeo, kies ĉefa tasko estas nur aldoni kelkajn nulojn al statistikaj ciferoj, povas senemocie kovri sian literaturbezonon per legado de prospektoj kaj gvidfolioj kaj kontentigi sian artosoifon dum la balvespero de la grupo «Verda Stelo».

Alia argumento ĵus venis el Japanujo. Niaj orientaj amikoj tute prave asertas, ke la nove kreitaj vortoj tro evidente favoras la Okcidentanojn. Tial la neologismojn elkovitajn en Eŭropo ili konsideras nenecesa lukso kaj dumkongrese ili verkis tre energian cirkuleron kontraŭ tro delikatsentaj nuancemuloj.

Kaj post pripenso mi alvenis al tiu ĉi dekreto:

«Ĉar Esperanto estas lingvo neŭtrala, ĝi ne prezentu pli da facilaĵoj al unu nacio ol al la alia. Sekve, nova vorto rajtos de nun eniri Esperanton nur, se ĝi havas absolute nenion komunan kun iu ekzistanta lingvo.» Ĉu ne?

La deĵoranta Pirato.

## *LETERO EL ANGLUJO*

Londono, dum Decembro 1933-a.

Al S-ro E. Vinfero — ĉe Mimi Yahabibi
Sheria Wazza — Kajro.

Kara amiko,

Salaam Effendi !

Kiel vi fartas en la ĉefurbego de Egiptujo? Ĉio en ordo ?



Al kiom da knabinoj vi jam instruis la anglan lingvon ? Al multaj, sendube, ĉar en Egiptujo, kiel en aliaj landoj, la fraŭlinoj tuj rondirigas la novaĵon pri alveno de bela kaj noblaspekta alilandestas blondulo, venulo, kaj kiam tiu lasta anta rekte el Parizo... he, diablo !



Sendube, vi, laŭ viaj propraj vortoj, « lasis vian koron en Parizo », sed la aliajn korpopartojn vi espereble kunportis kun vi al Kajro.

Ĉu vi ŝatas la enlandan bieron ? Vi certe jam akiris grandan soifon, sen neceso iri orienten de Suez, kiel konsilas Kipling.





Ĉi tie K. R. C. Sturmer ankoraŭ kritikadas, — sed, jam gajninte faman reputacion, li ne plu tiom akre skribas per venenigita plumo. Dum la lasta jaro, li fabrikis 238.072 artefaritajn dentojn. Se oni povus meti ilin en unu linion, tiu linio etendiĝus de la Londona Klubo ĝis Parizo. Alivorte, ĝi estas provizo, kiu sufiĉus por ses aŭ sep filmstelulinoj.



Butler ankoraŭ bibliotekas, kaj Goldsmith estas la plej granda optimisto en la tuta mondo. Sinjoro ĉefdelegito Waddy rondiĝas (imitante Jakobon, sendube) kaj mi ankoraŭ vegetas kaj vegetaranas... do ĉio estas en ordo en Anglujo.

Se, okaze, vi pilgrimas al Palestino (eble vi memoras, ke dum via junaĝo vi estis piulo...), vizitu, mi petas, la vilaĝon Mikweh Israel, apud Jaffa. Tie, en strateto apud la Granda Placo, loĝas ... aŭ almenaŭ loĝis dum la milito... Esperantistino, laŭnome Black Rebecca. Donu al ŝi, mi petas, ĉastan kison, en nomo de l' tuta muzikistaro de la 54-a Diviziono.



Saluton al via haremo.

Amike via, WAG.




# Jubileo



Tiu ĉi paĝo estas jubilea paĝo. Efektive, geamikoj, vidu kaj miru, ni atingis senakcidente la 100-an! Ĉu vi povas imagi, karaj, kiel granda estis por ni la surprizo, kiam ni konstatis tion? Neniam ni pensis atingi tiun altan nombron. Plandotikla emocio grimpas laŭlonge de nia centra masto kaj skuas la velojn. Bonvolu nun iomete koncentrigi vian meditpovon kaj pripensu, kiom da laboro tio signifas, kiom da peno, klopodo, kapdoloroj, cerblacigo, plumstreĉo kaj konsciencriproĉoj!

Kompreneble, kiel ĉiam tre konsciaj pri la alta valoro de nia verko, ni tre dece festis nian centan jubileon ĉirkaŭ simpatiaj boteloj en glacisiteloj. Kaj vidu! Kvankam la boteloj jam de longe estas malplenaj, niaj fidelaj legantoj povos tamen trovi en preskaŭ ĉiuj landoj de nia duonglobo, dank' al speciala interkonsento kun la ekvintra sezono, glacipecojn tute similajn al tiuj, kiuj plenigis la sitelojn. Kaj por ke ankaŭ vi partoprenu la feston, ni invitas ĉiujn, senescepte, ekstari dum unu minuto por montri per pia silento, kiom danke vi komprenas niajn honestajn klopodojn.

Longe ni hezitis antaŭ ol decidi, kiel ni prezentu al vi ĉi tiun jubilean paĝon. Solsona, nia presisto kaj artkonsilanto, opiniis, ke ni lasu ĝin tute blanka. «Nenio,» li asertis, «estas pli bela ol blanka paĝo. Krome, ĝi lacigas nek la redaktorojn, nek la legantojn, nek la presiston.» Tamen, ni havis tiom da interesaj aferoj por sciigi al vi, ke ni ne sekvis la konsilanton.

# Iom da statistiko

*Teknikaĵoj.* — Ĝis nun ni uzis 153.472 presliterojn, parte ne jam difektitajn. Niaj kunlaborantoj elŝvitis 83 kubmetrojn da superflua akvo kaj ĉerpis inspiron el 2.478 aperitivglasoj.

Ni grupigis sub nia kara velo 921 amikojn kaj estas jam ĉirkaŭataj de 1 malamiko. Pri niaj financoj vi havos pli ĝustan bildon, se ni konfidencos al vi, ke la mono ĝis nun enspezita sufiĉus por aĉeti

371 parojn da ŝuoj,
aŭ 4.105 kilogramojn da pano.
aŭ 184.200 pantalonbutonojn,

se ne estus la presisto.

Niaj ekspedistoj lekis entute kaj rondcifere 5.731 poŝtmarkojn diversvalorajn. Ĉar ili faras bone sian laboron kaj ne ŝparas, tio reprezentas 4 litrojn kaj duonon da salivo.

*Kriterio.* — Se ni akceptas kiel principon, ke ĉiuj inteligentaj Esperantistoj estas abonantoj de La Pirato, ni alvenas al ĉi tiu ĝojiga konstato:

| Kategorioj | Proporcio de inteligenteco |
|---|---|
| Grupoprezidantoj | 15 % |
| Delegitoj de U. E. A. | 21 % |
| L. K.-anoj | 23 % |
| Akademianoj | 12 % |
| Prezidanto de la Akademio | 100 % |
| Prezidanto de la S. F. P. E. | 0 % |
| Gazeteldonantoj | 0,01 % |
| Normalaj Esperantistoj | 98 % |
| Sume | 269,01 % |

Tio estas multe pli ol oni ĝenerale supozas.

*Atestoj kaj referencoj.* — Okaze de nia 100-a Jubileo ni ricevas ĉiutage kuraĝigajn salutleterojn, kiujn niaj amikoj sendas al ni tute spontanee kaj libervole,

tion ni ĵuras. El sennombra amaso ni elĉerpas laŭhazarde la plej favorajn:

« Vi estas kretenoj, sed vi amuzas mian onklinon. »

J. Lelong, Rémilly.

---

« Jes daŭrigu! Vi jam spertos, kien vi alvenos. Kaj unu konsilo: En via subtitolo mankas pluralsigno. Devas esti: Kajeroj por Satiro, Humoro kaj Libereco... relativaj. »

D-ro Dorpip, Smirno.

---

« Jam de ses monatoj mi estas via fidela abonanto. Bedaŭrinde — aŭ feliĉe — mi ĝis nun ne havis tempon por tranĉi la paĝojn de via interesa revuo. Korajn gratulojn! »

C. Pastilla, Venezia.

---

« Ne pensu, ke mia silento estas konsento. »

A. Menhir, La Rochelle.

---

« Se vi ne estus piratoj, vi estus banditoj. »

E. Jakobson, Random.

---

« Per tio mi petas, nepre ĉesigi sendadon de via « PIRATO ». Ĉu vi vere imagas, per tiaj verkaĵoj (vidu paĝ. 82, 86, 95) helpi nian movadon en Germanujo? »

P. Schwerin, Berlin-Tempelhof.

---

De nia amiko S. Grenkamp, ĉi tiun fojon, ni nenion ricevis.

☆☆☆

Prave fieraj pri la sinceraj benvortoj kaj bondeziroj, kiuj borderas kiel ŝaŭmfloretoj la kilsulkon de nia fregato, ni sentas nin instigataj nereteneble al plua velado. Ek al la 1000-a paĝo! (Septembro 1939!)

Condorcet.






OOMOTO INTERNACIA (Okt.) — « Plantono, kiel Sokrato, klopodis penetri en tiujn regionojn, kie... »

*Ni ne pretendas, ke oni ne rajtas diri Plantono, sed tiam oni devus konsekvence ankaŭ diri Sonkrato.*

SAMLOKE. — « Elektis vin Dio, ho granda virino,
Naskiĝi la Majstron... »

*Naskigi la Majstron? Tio estus granda miraklo.*

HEROLDO (3 Dec.) — « La elpensinto de la saksofono, Adolfo Sax, naskiĝis en 1814 en Bruselo. En 1894 li mortis, preskaŭ 70 jara, en plena mizero. »

*Se vi deziras plijuniĝi, ludu saksofonon.*

SAMLOKE. — « Montoj, surkreskitaj de abioj kaj piceoj kaj belegaj sunaj valoj, estas la vidindaĵoj de tiu ĉi regiono. »

*Sunaj valoj sur la montoj? Certe, vidindaĵoj.*

SAMLOKE. — « Ne povante kompreni iun eksterlandan lingvon S-ro Takuda komencis studi Esperanton. S-ano Takuda rimarkis, ke Esperanto estas sesdekoble pli facile lernebla ol iu nacia lingvo. »

*Tiu homo, ne povanta kompreni iun eksterlandan lingvon, konkludis kiel kompetentulo.*

INFORMOJ DE ESP.-ASOCIO DE ESTONIO (Nov.) — Inter la « Ricevitaj gazetoj » oni trovas i. a. « ...Koit Nr. 13, 14... »

*Ni esperas, ke la stranga titolo de tiu stranga gazeto ne estas programo.*

HEROLDO (19 Nov.) — El la anoncetoj. S-ro Fritz Haas, Germanujo, petas : « Eksterlandanoj ! Kiaj estas viaj opinioj pri Hitler? Se eble, la plej interesaj raportoj estos publikigataj. »

*Jes, se eble.*

SAMLOKE. — Alia anonceto : « Ideala, inteligenta fraŭlino (en edziniĝa aĝo) serĉas belaniman fraŭlon-mecenaton. « Nur en brutalaĵoj regas ĉiam harmoni' ! » — Skribu al Orfelino... »

*Jen moto, kiu promesas. La fraŭlo-mecenato devos, logike, de tempo al tempo tani la oran felon de l'orfelino. Pro la ĉiama harmoni'.*

# Survoje al larĝbaza gramatiko

*Evidente, — ĝis nun estis granda truo en nia ŝipo.* *) *Ni ne havis rubrikon por prilingva harfendado. Kaj la aliaj honestaj gazetoj nin rigardis kiel suĉinfanojn. Bone, ni ŝtopos tiun truon (kaj niajn pipojn).*

*Verdire, ĝis nun mankis inter ni aŭtoritata fakulo. Nia redakcia stabo konsistis el strangaj elementoj, kiuj konas apenaŭ la 16 regulojn de nia Fundamento. Nur kun granda peno ni sukcesis aldoni la 17-an. Sed pri tiu ĉi lasta ni estas tre fieraj. Ĝi tekstas jene : « Ne tedu nin ! »*

*Nun ĉio ŝanĝiĝos. Nun ankaŭ ni dekretos pri stilo kaj gramatiko, kvazaŭ ankaŭ ni havus la monopolon de l' scienco, — ĉar ni estas enviinde bonŝancaj. Ni trovis la kompetentulon, kiun ni bezonis. Senhezite ni konfidis al li la delikatan taskon disdoni konsilojn al ĉiuj dubantoj. — Ĉu necese lin prezenti ? Ne ! Nia elita legantaro certe konas lin. Jam de kelka tempo li apartenas al nia familio, kaj malgraŭ sia juneco li montriĝis en lingvaj aferoj tiel kompetenta, ke ni lasas al li la tutan respondecon pri tiu ĉi rubriko.*



**Demando.** — Lastatempe mi ofte rimarkis, ke oni uzas nun specialan vorton por montri la parolmanieron de diversaj bestoj. Mi scias jam, ke ĉevalo « henas », lupo « hurlas », akcipitro « kriĉas », kokino « klukas » ktp. Sed ŝajnas al mi, ke la listo ne estas kompleta, precipe, se oni konsideras, ke la besta regno konas pli ol 853.347 malsamajn specojn. Kion diri ekzemple pri sardelo ?

**Respondo.** — Kun bedaŭro ni refoje konstatas, ke tro pedantaj precizemuloj komplikis ĉion. Kiom pli simpla estis la metodo de l' unuaj Esperantistoj, por kiuj la tuta mondo blekis. Tiam oni diris « ĉevalbleki », « akcipitrbleki », « cimbleki », « kantistinbleki » ktp. Kaj tio sufiĉis. Koncerne la sardelon, estus pli prudente uzi « sardelmuti ». Tiu ĉi esprimo tre elokvente diras, kion ĝi volas diri.

**Demando.** — Laŭ mia scio, oni ne uzas akuzativon post la prepozicio « kun ». Unu el miaj ĉinaj korespondantoj tamen ĵus sciigis al mi, ke... « tiam terura epoko venis kun militon. » — Ĉu tiu ĉi frazo estas korekta ?

**Respondo.** — La problemo, kiun vi starigas, estas eksterordinare interesa. Unuavide ŝajnas ja, ke la citita frazo entenas eraron. Efektive, ĉe niaj plej bonaj aŭtoroj oni ne trovas akuzativon post « kun ». Vidu ekzemple ĉe Antonja Jozičič : « ... marŝante apud mi kun mallevita kapo ... » (Konfeso, p. 80) aŭ ĉe Birjen Ström : « ... vi aspektas kiel kuraĝa viro, kiu kun nekovrita brusto ... » (Pario, p. 7) aŭ ĉe S. Grenkamp-Kornfeld : « ... Nur kun granda peno ... » (5.000.000 — p. 89). Sed malgraŭ tio mi kuraĝas aserti, ke via korespondanto ne estas malprava, ĉar la praktiko pravigas lin, kaj la sekvanta frazo, ekzemple, eniris jam definitive en la ĉiutagan parolturnon (almenaŭ, mi ĝin tre ofte aŭdas, kvankam ĝi ne estas direktata al mi) : « Ĉu vi venas kun militon ? »

Kaj tamen, tiu ĉi frazo havas sencon, ĉu ne ?

Ale Ben Tarip.

---

*) Ne temas pri Solsona !

## POEZIO EN LA PRAKTIKO

La dolĉa insult- aŭ malbenvorto « merdo » trovis Esperantan hejmon en la Poezia Fakvortaro.



« M....! »
« Ha mi komprenas, — via moŝto estas poeto! »

# Ni estas kontentaj...

Antaŭ tri monatoj (en nia septembra numero) kiel unuaj kaj solaj el la tuta Esperanta gazetaro, ni serioze okupiĝis pri la deziroj de l'Andoranoj kaj ni klarigis la sencon de ilia revolucio. Kun fiera ĝojo ni konstatas hodiaŭ, ke la enketo de nia kunlaboranto Jules Laribois portis siajn fruktojn Ĵus ni legis en « Franca Esperantisto » raporton pri kunveno de la estraro de la Sofopoe*):

« La estraro decidas daŭrigi, kunlabore kun I. C. K kaj la Kataluna Federacio, la necesajn klopodojn, por ke Esperanto estu oficialigita en la Andora Respubliko, samrajte kun la franca kaj kataluna lingvoj. »

Estus interese scii, kion pensas pri tiu ĉi komploto la Andoranoj kaj ni tre humile demandas: « Kiu parolos Esperanton en Andoro post la oficialigo de Esperanto? »

*) Societo Franca por Propagando de Esperanto.

# AVERTO

**Atentu !!!** **Danĝero !!!**

Simpatia leganto, plej aminda legantino! Ĉiam zorgema pri via bonfarto, « La Pirato » opinias sia devo vin averti amikece:

Antaŭ ol turni ĉi tiun paĝon, pripensu, ke minacas vin nervoskuo aŭ subita cerbmoliĝo pro la sekvanta desegno de nia amiko E. Kilian. Tial, kunprenu per viaj du manoj vian tutan kuraĝon, skribu vian testamenton kaj adiaŭu viajn parencojn. Turnu la paĝon, se vi volas, sed je viaj propraj riskoj. Ni faris nian devon.

Por ke vi povu pli ĝuste taksi la artan valoron de la verko de Kilian, ni deziras aldoni, ke nia amiko desegnis ĝin per la dekstra piedo. — Kaj nun, antaŭen!




« Via favorpeto estas malakceptita. Ĉu antaŭ ol morti vi havas unu deziron ? »

« Jes, — mi tre dezirus ĝisvivi la triumfon de Esperanto ! »

BREUILLE.

*Nur unu tagon daŭras Kristnasko,*
*Sed longajn jarojn daŭras Kriztasko.*



*Vidante la rezultaton de la ekonomiaj konferencoj oni rajtas sin demandi, ĉu la ekspertoj ne estas eks-spertuloj.*



*Oni multe parolas pri Pan-Eŭropo. Eble tial, ke en Eŭropo pli kaj pli mankas... pano.*



*Al S-ro A. Boyer kaj al ĉiuj siaj amikoj « La Pirato » deziras feliĉan novan jaron !*




## TRAFALGAR

Post la batalo. Admiralo Nelson venkis kaj mortis. Ĉu ĵeti la kadavron en la maron? Ne. Al Londono, por nacia pompo. Sed kiel konservi ĝin ĝis tiam? « En brando » diris la ŝipa kuracisto. Do brandbarelo fariĝis provizora, stranga ĉerko, apud kiu la ŝipanoj laŭvice duope gardostaris.

Londono. Alveno kaj... miro: En la barelo troviĝas ja la admirala kadavro, sed brando, neniom plu. « Nu, » diras la kuracisto, « dumvive lia admirala moŝto ne malŝatis brandon... »

Longe poste, sur la admirala ŝipo, dum la vesperaj konversacioj sur la ferdeko, kelkfoje aŭdiĝis tiaj misteraj vortoj:

« Ĝi havis ja specialan gusteton, sed entute ne malagrablan... »

R. LAVAL.

## BIKAĴOJ *)

Juĝejo. Temas pri fama skandala proceso. La pledado de konata advokato altiris multegan publikon.

Sed antaŭ ol komenci la priskribon de la plej intimaj detaloj la advokato sin turnas al la publiko: « Mi petas, ke la honestaj virinoj forlasu la ĉambregon. »

Nenecese diri, ke neniu el la ĉeestantinoj ekmoviĝis. La advokato atendis kelkajn minutojn. Tiam la juĝejprezidanto alvokis la pedelojn kaj diris: « Nun, kiam la honestaj virinoj foriris, mi ordonas forpeli la aliajn! »

---

Antaŭ nelonge la kriminal-tribunalo prijuĝis kuriozan aferon.

Knabego sin ŝtelis en la domon de edziniĝinta honesta virino. Estis nokto. Li enŝoviĝis en la liton kaj tute senhonte intencis plenumi la « geedzan » devon.

Post kelka tempo la virino ekkrias. Oni alkuras. Oni arestas la voluptulon.

Dum la proceso la viktimo estas alvokata kiel atestantino. Kaj la prezidanto demandas ŝin pri certaj detaloj:

« Ĉu estis nokto? »

« Jes, sinjor' prezidanto. »

« Vi pensis ĉe la komenco, ke estas via edzo, ĉu ne? »

« Jes, sinjor' prezidanto. »

« En kiu momento vi rimarkis, ke tiu ĉi homo ne estas via edzo? »

« Kiam li diris al mi: Mi amas cin. »

B. I. K.

---

*) Ne estas neologismo.

# Grava sporta informo

Se Egli ne estus parolinta, ni verŝajne ankoraŭ hodiaŭ nenion scius pri la grandioza intenco de S-ro Stettler.

Do, — Egli, svisa biciklisto, vizitis Parizon antaŭ unu monato. Oni intervjuis lin, kiel decas, kaj ĉiuj gazetoj publikigis en sia sporta rubriko la tre interesajn komunikaĵojn de S-ro Egli. Komence ankaŭ ni pensis, ke la tuta afero neniel koncernas Esperanton, — sed atentu! Ĉu vi scias, kion diris Egli? Jen:

«Mi tre volonte partoprenos la Biciklan Ĉirkaŭiron de Francujo en 1934, sed nur... kondiĉe, ke ankaŭ Stettler partoprenos», kaj por pruvi, ke ni nenion inventas, ni citas la francan tekston laŭvorte:

«Je veux courir le Tour de France..., mais à condition que Stettler en soit.»

Ni tuj atentigis la Sofopoen pri tiu ĉi sporta okazontaĵo, kiu sendube estos ankaŭ bonega reklamo por Esperanto, se la Sofopoe ĝustatempe mobilizas la delegitojn en ĉiuj urboj kaj vilaĝoj, tra kiuj pasos la heroa karavano. Eble estus bone, disdoni verdajn flagetojn al la infanoj de l'lernejoj kaj prepari sufiĉan kvanton da himnodiskoj.

Nia eminenta samideano Stettler certe ne estas novulo nek nekonato en sportaj rondoj. Sufiĉas rememorigi, ke okaze de la Kolonjaj Ok-tagoj li venkis sian konkuranton plej danĝeran, la anglan ĉampionon Merchant. — Plue, li reprezentas la faman ciklomarkon «UEA». Oni scias, ke tiu biciklo estas tute senbremsa, tiel ke nenio povas reteni aŭ malhelpi ĝian sagfulmrapidan antaŭenpremon. La necesan aerprovizon de l'pneŭmatikoj liveras patentita pumpilo «Patrono».

Niaj sinceraj sukcesdeziroj akompanas la kuraĝan sportiston.

A. B. C. Awful.

## Niaj legantoj havas ideojn

# Propono pri utila enketo

Ni ĉiuj deziras kunhelpi al sukcesigo de nia afero, ĉu ne? Bedaŭrinde, anstataŭ dediĉi siajn fortojn al plenumo de granda tasko, multaj el ni perdas sian tempon.

La fakto, ke S-ro Haŭzenblasĉekrovitz faris en Geisgipsmichtop antaŭ preskaŭ 37 personoj tre interesan paroladon pri la temo « Esperanto kaj Pluvombrelo : du kulturfaktoroj », estas sendube atentinda. Sed la eĥo de tiu sukceso ne transbruos la kadron de la lokaj gazetoj. — Alia estas la afero, kiam temas pri seriozaj enketoj, pri profundaj studoj pri komuninteresaj problemoj, kiuj koncernas plej altgrade la tutan homaron. Kaj en certaj okazoj, kiam la esplorkampo etendiĝas super la universo, kiam la enketo devas transiri la limojn de unu lando kaj fariĝi, por tiel diri, supernacia, tiam nur Esperanto povas kun sukceso entrepreni la taskon.

Tio rilatas ĉefe al la statistik-scienco, en kiu troviĝas ankoraŭ larĝaj truoj. Jam oni faris multon en tiu ĉi fako, certe. Sed multo estas ankoraŭ farota.

Mi citas ekzemplon. Demandu foje al viaj konatoj, kiom da seĝoj troviĝas sur nia terglobo? Mi vetas ŝipplenon da bananŝeloj, ke ili ne havos ideon, nur proksimuman, pri la efektiva nombro, eĉ se ili estas profesiaj seĝoflikistoj. Kial? Ĉar ĝis nun, gesamideanoj, oni neniam organizis grandskale la nombradon de la seĝoj. Kaj tio estas manko, kiun ni Esperantistoj povas kaj devas forigi.

Tial mi proponas, ke ĉiu samideano kunhelpu al tiu ĉi grandioza enketo. Komencu tuj. Jam hodiaŭ kalkulu la seĝojn en via propra ĉambro, ĉe viaj najbaroj, tra la tuta domo, tra la tuta urbo kaj ĝenerale en ĉiuj lokoj de via lando, kie ne estas Esperantisto. Poste, ordigu la seĝojn laŭ diversaj kategorioj

*a*) pajloseĝoj
*b*) lignoseĝoj
*c*) ledoseĝoj
*e*) truitaj seĝoj
*f*) aliaj seĝoj

kaj sendu vian raporton al I. C. K., kiu sendube konsentos koncentrigi ĉiujn informojn kaj kolekti la materialon sur specialaj

slipoj. Tiam, post kelkaj jaroj, ni povos surprizi la sensuspektan mondon per brua sciigo pri la proksimume ĝusta nombro de la seĝoj sur nia terglobo.

Tiele manifestiĝos plej brile la utileco de Esperanto.

STAT. ISTIKUL.

---

**Ĉiuj Esperantaj gazetoj estas petataj represi ĉi tiun artikolon. Fontindiko estas ne dezirata.**

---

# 1934

La jaroj, kiuj tiel rapide forruliĝas, estas radoj, — gigantaj radoj de l' granda loterio. Sed kiujn lotojn ni gajnos? Mi vizitis la faman profetinon.

Drinkinte duonlitron da inspirigilo (laŭ la botel-etiketo ĝi estis «sankta akvo», sed laŭ la odoro «pruna brando») la fama profetino falis en grandiozan ekstazon, kaj el inter siaj du nigraj dentoj ŝi siblis:

«Post 1933 sekvos 1934, — kies unua monato estos januar'. Homoj naskiĝos, homoj mortos, — novajn ĉapelojn la sinjorinoj portos, — ili *) estos el pelto dum somer', — dumvintre el pajlo kaj paper'...»

«Kaj Esperanto?» mi demandis.

«DEB-DEB-Hura! Mi vidas grandan landon favori ĝian propagandon. Per SOFOPO' — ĝi kreskas tro! — Jam UEA ne sekvas plu, rompiĝis ĝia kaso pro la senhalta mon-alflu' de oferema maso...»

«Dankon. — Kaj sur la literatura kampo?» «...Ĉa... grenkampo! kaj la legantaro viktima estas ĉiam legitima.» — «Kaj pri AELA kaj ĝia Enciklopedio?» — «Tion scias nur Bleier aŭ Dio!» «Do, entute ni vivos malgraŭ la krizo?» — «Jes, per plialtigita kotizo. Donu al mi la botelon; — vi atingos la celon. Vivu la lingvo neŭtralala, neŭtralala, neŭ-tra-la-la-la!»

La nova jaro bone komenciĝas.

SALA FUMAL.

---

*) Temas verŝajne pri la ĉapeloj, ne pri la sinjorinoj. (RED.)




**Nur provizoraĵo daŭras.** — La Plena Vortaro de Esperanto — pli konata sub la nomo SAT-Vortaro — elĉerpiĝis. Oni prilaboras nuntempe la duan eldonon. Granda laboro, ĉar oni devas ne nur forigi certajn malglataĵojn el la antaŭparoloj, sed ankaŭ revizii diversajn vortdifinojn. Al kiu, ekzemple, oni povus kredigi ankoraŭ hodiaŭ, ke «Diktatoro» estas *«provizora* ĉefo de ŝtato, kun absoluta povo?» — Almenaŭ, ni konas kelkajn diktatorojn, kiuj ŝajnas pli definitivaj ol demokrataj ministroj.

**Vizitkarto.** — Se ni povas fidi al eĥitaj klaĉaĵoj, unu el la feliĉaj gajnintoj ĉe la Franca Nacia Loterio ĵus presigis novajn vizitkartojn, kun tiu ĉi originala teksto :

BOJI
1000 io 0

Rimarkinte, ke Boji estas Esperanta traduko de la franca A. Boyer, ni komprenis. Kaj ni komprenas ankaŭ, ke S-ro Boji ricevos ĉi tiun jaron multoble pli da novjaraj bondeziroj ol iam antaŭe.

**Moderna heroo.** — Aperis antaŭ mallonga tempo en Esperanto la Infero de Dante, en majstra-kielĉiam-traduko de K. Kalocsay. Kaj jam oni ekscias, ke unu kuraĝulo tralegis la tuton. Estas S-ro Waringhien. Lia artikolo ĵus publikigita en Literatura Mondo almenaŭ permesas tion konkludi. Oni asertas al ni, ke la kompetentaj instancoj petis la medalon de I. C. K. por S-ro Waringhien, kiu tiom pli meritas tiun honoran distingigon, ke li entreprenis la legadon tute libervole.

**Forto de l'konvinkiĝo.**—Nin vizitis en Parizo afabla serba samideano, kiu tiele unuafoje havis la okazon paroli Esperanton kun alilandanoj. Kompreneble li estis entuziasmoplena pro la facila komprenado kaj ekkomencis laŭdokanton pri la diversaj meritoj de nia lingvo. Al la konataj argumentoj li aldonis ankoraŭ unu, kiu vere mirigis nin :

« Jen », li diris, « ki... ki... am mi .. mi paparolas s... s... serbe mi... mi tete... ru... ru... re ba... bal... bubu... tadas, sed en Espe... pe... peranto mi... mi parolas f... f... f... flue ! »

**Kravato.** — Nia bona amiko Archdeacon, lastan monaton, prezidis tagmanĝon de l'Agapo, Esperanta rondo sin nutranta. Regis plej gaja bonhumoro, eĉ pli ol ĉiam. Sed, kiam la satmanĝintoj intencis stariĝi por foriri, okazis ĝenerala konsterniĝo. Ĉiuj — kaj S-ro Archdeacon mem — tiam konstatis, ke la prezidinto ne havas kravaton. Tuj oni serĉis sub la tablo, sub la seĝoj; la eterne servopreta S-ino Haudebine inspektis tre detale la supujon kaj diversajn karafojn. Sensukcese. Kaj tamen S-ro Archdeacon estis preskaŭ certa, ke li ne venis sen kravato. « Se mi ne eraras, » li asertis, « ĝi estis blua. » Sed kie ĝi estas? Fine sagaca najbarino de l'prezidinto retrovis la kravaton interne de lia veŝto. Kaj vidu! la blua kravato estis kankre-(kuirita!) ruĝa. — Tiam S-ro Archdeacon kompreneme ekridis: « Vi rakontis al mi tiom da tre spicitaj anekdotoj, ke eĉ mia kravato ruĝiĝante sin kaŝis... »

**Varianto.** — Okaze de Kristnasko niaj direktoroj en Ĝenevo. renkontiĝis por interŝanĝi komplimentojn.

La unua diris: « Mi deziras al vi, kion vi deziras al mi. »

Kaj la dua riproĉis: « Kial vi rekomencas malpaci!? »

---

## ATENTU

Ni plezure rememorigas al neabonantoj de La Pirato, ke la 1-an de januaro 1934 ekfunkcios en Germanujo la fama leĝo, senpacience atendita, pri steriligo de... ni diru « nekompletaj » individuoj. La koncernatoj restu prudente en siaj nestoj, aŭ... kompletiĝu rapide. Vidu abontarifon sur la dua kovrilpaĝo. Ne necesas nin danki.

---

Ni ĵus ricevis la doloran sciigon pri la morto de

S-ro E. GROSJEAN-MAUPIN,

kiu malaperas post longa malsano.

La Pirato perdas kun li bonan, ĉiam belhumoran amikon kaj okazan kunlaborinton, kiun ni ne forgesos.

---

*Le Gérant :* ROGER BERNARD.

Presejo J. SOLSONA, 9, rue Hallé, Paris-14e — Tél. Gobelins 62-71.

## NIAJ ABONEJOJ

---

*Italujo :* Esperanto-Centro Itala
Galleria Vittorio Emanuele N. 92
*Milano* (Conto Corrente Postale 3/18818)
Unu jaro : Lit. 12,50.

*Granda Britujo :* The British Esp. Association, Inc.
142, High Holborn
*London W. C. 1.*

*Polujo :* Librejo N. Szapiro
Nowolipki 8
*Warszawa.*

*Hispanujo :* S. Alberich-Jofrè
Campo, 45
*Barcelona.*
Unu jaro : Pesetoj 6,00.



**Restas nur 153 plenaj kolektoj de LA PIRATO.**